# LA LAMPIRO

58-a jaro n-ro 147 2017:5

# Riĉenhava kongreso



KOVRILO

*Leandro Abrahão zorganta pri la novtipa aranĝo* Brokanta Foiro.

***Malgranda foto:** la plej juna preleganto Mariana kun sia patro Eugênio.*

**LA LAMPIRO** *58-a jaro n-ro 147 2017:5*

**Organo de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**
**Redaktanto**: Paulo Sérgio Viana (psviana@terra.com.br)
**Grafikaranĝo**: José Roberto Tenorio
**Revizianto**: José Dias Pinto

*La redaktanto ne respondecas pri la subskribitaj artikoloj*

# easp

**Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**
Fondita en la 29-a de Marto 1937

**Propra sidejo**
Rua Faustolo, 124 - Água Branca
05041-000 São Paulo, SP - Brazilo
Telefonnumero: (11) 3862-1183
easp.org.br | contato@easp.org.br

**Jarkotizo por 2016**

| | |
|---|---|
| Simpla Membro .................. | R$ 120,00 |
| Subtena Membro ................ | R$ 240,00 |
| Ŝtatinterna Membro .......... | R$ 60,00 |

**Deĵoroj**:
lunde kaj merkrede: 10h – 16h; ĵaŭde kaj vendrede: 13h – 17h; sabate: 9h – 18h.



## ENHAVO

# Vortoj de la redaktanto

La 11-a Kongreso de Esperanto (12-a ĝis 15-a de oktobro 2017) montris ion tre interesan al la redaktoro de nia Lampiro. En la kongreso, tuta kolekto da prelegoj kaj (15-minutaj) prelegetoj okazis. Pri plej diversaj temoj: de sano al inĝenierarto de antikvaj egiptoj, de veganismo al samtempa interpretado. Ili povus fariĝi volumeto kun riĉenhava legaĵo.

Vere valora materialo! La kongresanoj vigle interesiĝis pri ĉiuj temoj. Tio signifas, ke inter ni troviĝas amaso da homoj, kiuj povas produkti altvaloran kulturmaterialon. Prelegistoj, kiuj certe povas senpene fariĝi verkistoj!

Kial ne produkti viajn elpensaĵojn por publikigo en La Lampiro? Tio estus bela maniero dividi ilin ankaŭ kun tiuj homoj, kiuj ne povis partopreni en la kongreso! Pensu pri tio!

Jen ni lasas al vi nian inviton!



# Vortoj de la Prezidanto

**Prof. Genildo Martins Coelho**



Estimataj EASP-anoj. Post sufiĉe da penado kaj laboro, ni alvenis al sufiĉe kontentiga ŝtata kongreso: la jubilea 11-a Kongreso de Esperanto de Ŝtato San-Paŭlo. En bela sidejo, meze de arboriĉa loko, ni omaĝis la pionirojn, ni aŭskultis prelegojn, ni artumis, amuziĝis, babilis, aĉetis librojn, ekskursis kaj serioze diskutis. Mi pensas, ke dum kvar tagoj Esperantujo vere viglis.

Ĉu ni estas tute kontentaj? Ne tute. Okazis mankoj, la nombro da kongresanoj povus esti pli granda, la programo povus esti eĉ pli riĉa. Sed ni asertas, ke ni havas trankvila la konsciencon, ke ni faris nian eblon.

Pli da sukceso dependas de pli aktiva kaj efektiva partopreno de pli da laborfortoj. Ni invitas vin ĉiujn al engaĝo inter ni. Ĉiu sincera Esperantisto povas helpi. Ne hezitu prezenti vin por tasko, laŭ via povo.

Se vi positive reagos, la proksima kongreso, en la urbo Atibaia, en oktobro 2018, estos ankoraŭ pli celebrinda. Bonvenon!!

# Frateco pravas — laŭ scienco moderna

**Floriano Pessoa Filho (Leme - SP)**

Ni ĉiuj vivas sub la premo de materialismaj influoj.

Ĉiutaga vivo, laboro, socia kunvivado kaj kontentigo de materiaj ambicioj donas al ni ian senton de sato, kiu ŝajne pravigas la ideojn de kelkaj filozofoj, ekzemple Nietzsche.

Surbaze de konceptoj, laŭ kiuj moralaj valoroj malhelpas la atingon de niaj individuaj ambicioj, tiuj filozofoj deklaris, ke kompatemo estas signo de malforto kaj kovardeco kaj forte atakadis ĉian ajn moralon, precipe la moralon de frateco, kompatemo, amo kaj unuigo.

Aliflanke, multaj aliaj geniuloj plene sindonis kaj senlace laboradis por tiuj moralaj valoroj. Zamenhof emfaze insistadis pri la valoroj de amo, frateco kaj unuigo. Kaj ni esperantistoj ĝoje marŝadas sur la vojo lumigita de nia VERDA STANDARDO! Kiu pravas? Ĉu la individualismaj filozofoj aŭ la altruismaj geniuloj?

Moderna scienco jam frape respondis tiun demandon.

Sciencaj esploroj klare montras, ke nia tuta korpo estas konstruita por perfekta funkciado nur sub la kondiĉoj de frateco, kompato kaj amo.

Tiuj kondiĉoj stimulas kelkajn regionojn de la cerbo, kiel ekzemple la PARIETA-TEMPORALAUNUIĜON, ANTAŬ-FRUNTAN LOBON, STRIATAN NUKLEON, PITUITARION kaj HIPOFIZON.

La rezulto de tiuj stimuloj estas optimumaj niveloj de ESENCAJ NEŬROPEPTIDOJ kaj HORMONOJ kiel DOPAMINO, ENDORFINOJ, OKSITOCINOJ kaj SEROTONINO, plibonigo de menskapablo kaj eĉ potenciala protekto kontraŭ Alzheimer-malsano kaj Skizofrenio.

Krom tio, scienco pruvis, ke altruismaj kaj optimismaj ideoj protektas la kromosomojn kontrauŭ MUTACIO kaj reguligas la funkciadon de la CERBAJ AMIGDALOJ kaj de la SURRENAJ GLANDOJ. Tio signifas taŭgajn nivelojn de KORTIZOLO, GLIKOZO, malpli da ARTERIA HIPERTENSIO kaj malpli da ANKSIECO kaj DEPRESIO.

La konkludo estas mirinde klara: ĉiuj pensuloj kaj geniuloj de FRATECO KAJ ESPERO ESTAS PRAVAJ.

Al ni esperantistoj Zamenhof lasis devon: labori por la monda fratigado kaj paco, eĉ se ni alfrontas la fortojn de superstiĉo kaj nescio, ĉar ni estas certaj, ke nur tia laboro povas forpeli la malgrandaĵojn, malaltajn disputojn kaj krimajn malkuraĝojn en la mondo!

Ĉar nia laboro estas por Espero kaj frateco. Ĉar nur tiuj noblaj sentoj pravas!



# Necerta Gloro

Anna Lobo (São Paulo-SP)




**Nomo**: Uncertain Glory (2017)
**Filmodaŭro**: 115min
**Reĝisoro**: Augustí Villaronga
**Roluloj**: Rerele Pávez, Oriol Pla kaj Marcel Borràs.
**Nacio**: Hispanio

Hodiaŭ la recenzo estos iom malsama. Ĉar ĝuste hodiaŭ — la unua de oktobro — la mondo ploras. Estas ja multaj priplorindaj okazaĵoj nuntempe. Sed mi volas paroli pri unu, kiu vere trafis tiun tagon, kiun mi prenis por verki recenzon.

La regiono de Katalunio volas sendependiĝi, kaj okazigis referendumon pri la temo, kaj rezulto estas, ke la polico de Hispanio reagis perforte al multaj. Bonŝance fajrobrigadistoj provis defendi tiun ĉi rajton baloti. Mi ne volas troigi pri historiaj faktoj kaj nek volas koncentriĝi pri tio, kio okazis al tiuj, kiuj defendas la sendependiĝon de Katalunio.

Tamen, mi havis ideon fari etan omaĝon kaj montri mian subtenon pere de spektado kaj recenzado de iu kataluna filmo, kaj tio fine fariĝis interesa agado.

Post iom da esplorado, mi trovis tiun filmon "Necerta Gloro", direktita de Augustí Villaronga. Li estas sufiĉe nova direktoro, sed multaj havas jam tre pozitivan rigardon al lia laboro. Vidinte lian filmon, ankaŭ mi povas konfirmi lian altnivelan kapablon. La filmo okazas dum milito kontraŭ la faŝistoj en Hispanio kaj kontraŭ la diktatoro Franco. La ĉefaj roloj de la filmo estas la du amikoj Juli kaj Lluis, kiuj iĝis soldatoj dum la milito. Kaj en iu momento, malgraŭ tio ke Lluis havas jam iun rilaton kun Molinera, li enamiĝas al Carlana. Tamen, tiu rilato ne estos unu el la plej bonaj por la momento.

La filmo estas ege bone muntita, kun tre belaj kaj kortuŝaj scenoj. Oni povas senti iom la etoson de la momento, malgraŭ ke la filmo fokusas la rilatojn inter la kvaropo – Molinera, Lluis, Juli kaj Carlana. Tiuj, kiuj ŝatas historiajn filmojn kun dramo kaj milito, multe ĝuos ĝin. La rigardo de la direktoro kaj la konstruado de la historio estas aparte speciala. Mi tre ŝatis "hazarde" trovi kaj spekti tiun ĉi filmon por recenzi kaj mi esperas, ke vi ankaŭ profitu la okazon, ke ĝi ankoraŭ troveblas ĉe Netflix. Bonan "protestan" spektadon al ĉiuj!

# Lingvaj Respondoj

## de Francisco Wechsler



***Demando:***

*Kiu estas la preciza diferenco inter "bati" kaj "frapi" (PIV ne estas klara pri tiuj verboj)?*

**Respondo:**

Fakte okazas, ke en multaj okazoj tiujn du verbojn oni povas uzi interŝanĝe, sed en aliaj okazoj, ne.

La unua diferenco estas, ke **frapi** preskaŭ ĉiam funkcias transitive, sed **bati** povas funkcii kaj transitive kaj netransitive, kun malsamaj signifoj.

Kiam ordinare ne eblas uzi **frap**- anstataŭ **bat**-? Kiam bati funkcias netransitive; tiam ni povas konkludi, surbaze de NPIV, ke ĝi signifas:

**1. ĵetiĝi per ripetaj skuoj:** *en la mezo de la salono batis alta fontanoZ; eĉ en granda ventego, kiam la ŝipo saltas k batas […]*[Z]; *dek blankaj cignoj sidiĝis sur la ĉaro k batis per siaj grandaj flugiloj*[Z]; *ho mia kor', ne batu maltrankvile*[Z]; aŭ

**2. soni intermite kaj plimalpli laŭte:** *jam la dekdua horo batis*[Z]*; pro kio batas la tamburoj?*[Z]; aŭ

**3. nenormale brue skuiĝi:** *la motoro batas* (tiu ĉi lasta senco estas efektive kombino de la du antaŭaj).

Kiam ordinare ne eblas, almenaŭ samsignife, uzi **bat**- anstataŭ **frap**-? Kiam oni volas esprimi aŭ emfazi subitecon, rapidecon, mallongan sonon, atingon, trafon, atentigon, mirigon, surprizon. En tiuj okazoj, uzu **frap**-; rimarku, ke en la sekvaj ekzemploj, ne eblas anstataŭigi **frap**- per **bat**-, almenaŭ ne sen grava sencoŝanĝo de la koncerna frazo: ***frapi*** *amikon sur la ŝultron; unu cigno frapis per siaj flugiloj la marmoran rokon*[Z]; *apenaŭ ŝi* ***ekfrapis*** *la unuan kordon*[Z]*; oni ja bezonas nur* ***ekfrapi*** *unu klavon, kaj estos ricevita tono*[Z]*; jen subite oni* ***frapas*** *tre mallaŭte sur la pordo*[Z]*; li staras, kvazaŭ* ***frapite*** *de fulmo*[Z]*; ĝi trafis min tute neatendite kiel* ***frapo*** *de tondro*[Z]*; Satano* ***frapis*** *Ijobon per abscesoj*[Z]*; la pliboneco de Esperanto antaŭ Volapük estas tiel* ***frapante*** *granda, ke ĝi falas al ĉiu en la okulojn*[Z]*;* ***frapas*** *min via suferado;* ***okulfrapa*** *eraro* (kiu kaptas onian atenton).

Malofte **frapi** funkcias ja netransitive, por esprimi ripetan kaj rapidan intertuŝiĝon, kun son-eligado, ordinare pro malvarmo aŭ timo: *la virino kaŝis la efektivan sakristianon, kiu […]* ***frapadis*** *per la dentoj*[Z]*; ŝiaj dentoj* ***frapadis*** *pro malvarmo*[Z].

Sed ofte eblas uzi **bat**-kaj **frap**-interŝanĝe kaj transitive. Ekzemple:

*(Daŭrigota en la paĝo 10)*

# Monda Federacio

## Prelego prezentita de anoj de Oomoto kadre de ties Fakkunsido okazanta dum 11-a Esperanto-Kongreso de la Ŝtato San-Paŭlo

**Yoshimitsu Matsuo**
*Prezidanto de la Movado por estigo de Monda Federacio en Brazilo*




En la granda kaj vasta spaco de la universo ŝvebas nia terglobo, kie ni loĝas kaj finos la limigitan vivon. Se eble, ni konstruos bonan mondon, kiun ni povos lasi al niaj posteuloj.

Por realigi tion, ni devas observi la vortojn de eminentaj saĝuloj kaj decidi mem konstrui ununuran mondon.

En 1948, tuj post la fino de la dua mondmilito, d-ro Hideki Yakawa havis la okazon interŝanĝi opiniojn kun d-ro Albert Einstein, en la Centro de Elstaraj Esploradoj pri Monda Federacio, manpremis al la geedzoj Yukawa kaj diris: *"D-ro Yukawa kaj s-ino Yukawa, ni klopodu por forigi ĉiujn nukleajn armilojn. Por plenumi tion estas nur unu maniero: la unuigo de la mondo. Tio signifas la kreadon de la Monda Federacio"*

Siaflanke, d-ro Yakawa diris, ke *"Mondfederacio estas la morgaŭa realo"*. Nu, li lasis al ni la gravan frazon por la kampanjo de la estigo de Mondfederacio. Plie, li aldonis, ke li ŝatus, ke la kampanjo de Mondfederacio malfermiĝos al ĉiuj homoj, por ke ni povu partopreni, ĉiu laŭ sia maniero, je ĉiu momento kaj en ĉiu loko, pro tio, ke temas pri konstrua kampanjo ampleksanta ĉiajn movadojn por mondpaco.

La eminenta angla historiisto d-ro Arnold Toynbee diris: *"Nur la nova monda registaro povos savi la homaron. Nia plej granda bezono — tiel grava por nia vivo — estas ja la paco kaj la justo kontrolataj de la tutmonda ordo"*. Kaj li diris plu: *"Por ke la homaro postvivu en la nuklea erao, ĝi devas kiel eble plej frue strebi por la estigo de la Monda Federacio"*.

D-ro Einstein ankaŭ proponis: *"Nur la estigo de la Monda Federacio povos ebligi la esperon de la homaro, kiu deziras la pacon. La nuntempa sistemo de suverena ŝtato kondukas la mondon al sovaĝeco, milito kaj malhumaneco. Sole nur la Tutmonda Leĝo povos certigi la civilizitan, pacan kaj humanan progreson".*

D-ro Robert Hachin, rektoro de la Universitato de Ĉikago, kiu verkis la projekton de Monda Konstitucio kune kun 10 profesoroj de la Fakultatoj, diris jene: *"En la momento, kiam mi estis informita pri la potenco de la nuklea bombo, mi intuicie sentis la neceson starigi la Mondan Federacion. Ne estus alia maniero fini la militon, se ne per tutmonda organizo kun forto por monopoligi la nukleajn fortojn".*

Ĝis nun ni legis la opiniojn de akademianoj; nun ni vidu la opiniojn de elstaraj politikistoj. Dum la malvarma milito, John F. Kennedy, prezidento de Usono, diris: *"Ni komencos novan entreprenon. Tio ne signifas la forto-ekvilibron, sed la kreadon de nova monda leĝo. Ĝi estas la kreado de iu mondo, kie justo superu la forton kaj estu sekureco inter la malfortuloj, por la tenado de la eterna paco".*

Siavice, la iama ĉefministro de Sovetunio, Nikita Krushchev diris: *"Ĉiuj vivaĵoj de la ŝipo de Noa kondutis tre bone, por ke la ŝipo ne dronu. La planedo Tero estas tiel malgranda, ke se la homaro, kiu vivas sur ĝi, ne kondutus kiel la bestoj de la ŝipo de Noa, kaj daŭrus militi, la ŝipo subakviĝus pro la eksplodo de nuklea bombo, kaj neniu saviĝos".*

La iama ĉefministro de Anglujo, Clement Attlee, diris: *"Por antaŭsavi civilizacion oni devas plenigi la koncepton pri monda strukturo, estratan de la monda leĝo. Antaŭ 20 jaroj mi defendis la pozicion de Eŭropa Unio por eviti ĝian dekadencon. Nuntempe EU estas tuj efektiviĝanta. Ĉi-momente mi ŝatus diri: Aŭ Monda Federacio, aŭ totala detruiĝo".*

La eksprezidento de Francio, Charles De Gaulle, diris jene: *"Ĉiuj landoj devas integriĝi en la resgistaron de la Monda Federacio. Se ne, ili ruiniĝos. Dum longa tempo la suvereneco de la mondo estas revo de la ĉefoj. Nun tamen mi deziras, ke tio restu nur en nia historio".*

Ankaŭ d-ro Yakawa diradis: *"Organizo de la Unuiĝintaj Nacioj estas neutila. La ĉefa kaŭzo de tio estas la fakto ke ĝi estas organizaĵo, kiu rekonas la suverenecon de ĉiu lando ĝin konsistiganta. Por ebligi la mondpacon, ĉiuj membrolandoj, ĉefe la grandaj nukleo-potencoj, devas limigi la liberecon de la forto-uzo por kontentigi sian egoon. Ĝis nun la senbrida kurado estas kvietigita danke al la internacia publika opinio.*

*"Por ke la internacia publika opinio havu absolutan forton, ĝi devos havi ariergardon de iu rigida normo de la internacia leĝo, kiun ĉiuj membroj devos obei. Hodiaŭ la internacia leĝo baziĝas sur la absoluta suvereneco, kiu perforte enmetas en ties bazon la permeson de eventualaj militoj. Tiu leĝo devas evfektiviĝi kun certa limigo al la suvereneco de ĉiu lando. Tiamaniere, internacia ultraorganizaĵo devos administri la tut-*

*mondan leĝon por trudi ĝin al la membrolandoj. Tiu ĉi estas la ĉefa punkto por la elpensado de la Monda Federacio. Nia lando jam forlasis militon per la 9-a artikolo de sia Konstitucio. Do, ĝi jam estas preta por iam ajn integri la Federacion. Nur la formado de Monda Federacio igos la idealon de la paca konstitucio fariĝi realaĵo".*

En la mondo, Japanio estas la sola lando, kiu forlasis la militon. Ĝi povas esti malfacila tasko, sed ĝi estas la okazo deklari antaŭ la tuta mondo, ke ĝi elektu unu, el la hipotezoj: sekvi la ekzemplon de Japanio aŭ reiri al la pasinto.

Estas kompreneble, ke oni atendu la progreson de Japanio en paca etoso, kaj ke ĝi neniam havos militon. Pri tio la 9-a artikolo de la japana Konstitucio estas deca.

Tamen la tutmonda realo ne estas tia. Do, necesas, ke la mondo aŭskultu la ĉi-supre menciitajn parolojn de la elstaraj gvidantoj. Estas grave, ke ĉiu civitano de la mondo konscienciĝu pri siaj devo kaj respondeco.

Oni diras, ke *"kiu ne postulas siajn rajtojn, tiu havas neniun"*. Ni konsciiĝu pri tio, ke ni estas civitanoj de la mondo.



*S-ro Agou Takashi dum prelego*



## Lingvaj Respondoj *(Daŭrigo de la paĝo 7)*

*vangofrapi/vangobati*. Tamen ekzistas eĉ en tiuj okazoj pli aŭ malpli nuancaj diferencoj. **Bat**- esprimas pli klare ol **frap**- forton, potencon: *per la sankta amo **disbatitaj**[Z];* doloron, suferon, punon: ***batate** de la mastro, li ploris kaj ĵuris[Z]; Mi punos lin per vergo de homoj kaj per **batoj** de homoj[Z];* lukton, batalon: *David **venkobatis** la Filiŝtojn kaj humiligis ilin[Z];* kaj ankaŭ penon *(virino nur tiam povas **trabati** al si vojon de laboro[Z]).*

Do ekzistas "ombra regiono", kie la signifoj de tiuj verboj intermiksiĝas, kvankam kun nuancaj diferencoj; kaj ankaŭ difinitaj regionoj, kie iliaj signifoj estas klare malsamaj.

Brakume,
FSW

# Nekrologo

## Marjorie Boulton (1924-2017)

**Maria Nazaré Laroca (Juiz de Fora-MG)**

Poezio funebras: la 30-an de aŭgusto 2017 forpasis D-rino Marjorie Boulton, la plej eminenta kaj famkonata poeto en Esperantujo.

Premiita poeto, novelisto, dramverkisto, eseisto, tradukisto, biografiisto, membro de la Akademio de Esperanto, kandidato al Nobel-premio pri literaturo proponita de la Esperanta PEN-centro en 2008.

En 1948 ŝi doktoriĝis pri literaturscienco kaj dum la sekvaj jaroj ŝi eklernis Esperanton.

Riĉan verkaron ŝi produktis; krom poezio ŝi verkis novelojn, eseojn, biografion, teatraĵon, kaj ankaŭ didaktikajn librojn pri literaturo. Menciindas ŝiaj poemaroj Kontralte (1955), Cent ĝojkantoj (1957) kaj Eroj kaj aliaj poemoj (1959). Indas ankaŭ memorigi pri ŝia belega biografio de Zamenhof (1962).

La verkado de Marjorie Boulton – kaj angle kaj Esperante – plenas je ideala humanismo. Ŝia emocia poemaro prezentas (foje per eleganta humuro) la turmentojn kaj pasiojn de virina animo.

La dolĉa poezia voĉo de Boulton restos por ĉiam en nia koro. Poetoj neniam mortas: ili ensorĉiĝas por nia feliĉo.

### Poemeto por Marjorie Bouton

Marjorie Boulton: poetin' multobla,
nia plej brila stelo el poezio,
virino homama, nin adiaŭas,
kaj l' esperanta mond' sopiras orfa.

Tamen Parnaso glore al ŝi festas;
gaje dancantaj muzoj ŝin akceptas,
kaj al ŝi regalas per donac' unika:
bunta bukedo da poemoj ŝiaj,
kiuj iĝis vivantaj floroj lumaj.



http://nazarelaroca.blogspot.com.br/2017/08/poemeto-por-marjorie-boulton.html

# Mapo de la trezoro

*Dirce Sales (Rio de Janeiro-RJ)*

Knabo eliras piedpinte, ion kaŝante malantaŭ la dorso, sed la fratino aperas subite kaj haltigas lin.

— Kion vi kaŝas tie, Andreo?

— Nenion!

— Do montru la manojn.

— Kiun?

— Unue, la dekstran!

— Jen ĝi! (malplena)

— Nun la maldekstran!

— Jen ĝi! (same)

— Nun montru ambaŭ.

— Nur se vi divenos, kion mi trovis.

— Hmmm... ĉokoladon?

— Ho ve! Vi nur pensas pri manĝaĵoj... Ne!

— Insektojn?

— Ne.

— Monerojn?

— Ne.

— Bildetojn?

— Ne! Ne! Ne!

— Kion vi trovis, do?

— Mi trovis mapon.

— Ĉu temas pri geografia mapo?

— Ne.

— Pri mapo de la urbostratoj?

— Ankaŭ ne.

— Temas pri kia mapo, knabo?

— Estas mapo de l' trezoro! Li mallaŭtigas la voĉon.

— Ha, mapo de l' trezoro... Mi pensos pri tio...

— Vidu!

Sueli, sen kaŝi la surprizon, rimarkas la flaviĝintan folion kaj konstatas la similecon kun tiuj mapoj de piratoj, kiujn oni vidas en filmoj aŭ ilustritaj historiaj libroj, signitaj per iksoj, paŝoj, ostoj, araneoj, kestoj, ktp.

— Kaj nun, vi kredas?

— Jes, kompreneble!

— Do mi rajtas eliri kaj trovi mian trezoron?

— Vi rajtas, sed mi vin akompanos!

Kaj obeante la indikojn de la mapo ili eniras en saloneton kaj vidas grandan skatolon duonkaŝitan per antikva ŝalo, kiun Andreo, impete, formovis por malfermi la grandan keston kaj certe kapti "sian" trezoron.

Sed malagrabla surprizo atendis lin...

— Alia skatolo?! Li plendis sen kaŝi la elreviĝon.

— Atendu, Andreo! Kaj se ĝi estas bombo?

— Vi kaj viaj timoj...

— Ne timoj, sed zorgoj!

— Se vi volas foriri, iru laŭplaĉe.

— Kaj lasi vin tute sola tie ĉi?! Forgesu!

— Do ni serĉu la trezoron.

Kaj la aliaj skatoloj tute malplenaj, kiel la unua, furiozigis Andreon:

— Mi malamas tiun ludadon!

— Trankviliĝu, frateto. Kiu scias, oni trovos ion je la lasta skatolo...

Trafite! Jen ora pakaĵo en la fundo de la ĉarma skatoleto.

Kion ĝi kaŝas? Belegan kajeron kun

rigida kovrilo, kiu aperigis la jenan mesaĝon sur la unua paĝo:

GRATULON! VI ĴUS TROVIS VALORAN TREZORON!
(Pliajn informojn je la paĝo 5)

Kaj ĉe la indikita paĝo...

TIU TREZORO VALORAS MULTE PLI OL ORO! MULTE PLI OL ARĜENTO! MULTE PLI OL LA MONO DE LA TUTA MONDO KUNE.
(Pliajn informojn en la paĝo 10)

— Mi estas riĉa! Riĉa! Vivu! Vivu!
— Atendu iom, Andreo. Vi scias preskaŭ nenion pri tio...
— Ĉu vi volas legi nun?
— Jes. Pruntedonu al mi la kajeron. Kaj ŝi laŭtelegas:

POR RICEVI TIUN VALORAN TREZORON ESTAS UNU KONDIĈO
(Paĝo 15)

— Kia ĝeno!
— Ĉu vi volas rezigni pri tio?
— Neniam! Legu tuj!
— Mi legos.

LA POSTULO POR RICEVI TIUN SPECIALAN TREZORON ESTAS ĜIN DIVIDI KUN PLEJ GRANDA KVANTO DA PERSONOJ.

— Tute ne! Mastro estas tiu, kiu trovas! Kaj se mi trovis, ĝi estas mia!
— Do mi opinias, ke vi devos enmeti la kajeron en la skatolon, organizi tiun malordon kaj reveni hejmen. Vi povus profiti la okazon por verki historion, kiu montrus ian originalan trezoron. Kion vi opinias?
— Mi volas eliri kunportante mian trezoron, fratino mia.
— Ni povas foriri, Andreo.
— Mi ne volas, ĉu vi komprenas?
— Do ni finu la legadon.

GRATULON PRO LA DECIDO! IRU ĜIS LA LASTA PAĜO, KIE VI TROVOS KOVERTON, KIU ENHAVAS FALDITAN PAKAĴETON. MALFERMU ĜIN MALRAPIDE, FALDO POST FALDO, KAJ VI FINFINE MALKOVROS TIUN SEKRETAN TREZORON.

Kaj Andreo, scivoleme, atingis la lastan paĝon de la mistera kajero kaj trovis la pakaĵeton. Kune kun la fratino li komencis malfaldi la tuton, kiu sur la unua faldo montris la literon E, sekve la literon S, poste P, alian E, kaj R, kaj A, kaj N kaj finfine, O.

**E S P E R A N T O**

Kaj la gefratoj malkovris la grandan valoron de la Lingvo Internacia Esperanto, la granda trezoro donacita de D-ro Lazaro Ludoviko Zamenhof al ĉiuj ni.

*(Rimarkigo: Ĉi tiun ludprezentadon mi verkis originale en la portugala lingvo. La esperanta versio celas permesi al alilandaj samideanoj ĝin traduki al siaj patrinaj lingvoj, ankaŭ por prezenti al neesperantista publiko, se ili deziros.)*

# Riĉenhava kongreso en San-Paŭlo

Paŭlo S. Viana (Lorena-SP)

Inter la 12-a kaj la 15-a de oktobro 2017 okazis en la urbo San-Paŭlo, en entuziasma etoso, la 11-a Ŝtata Kongreso de Esperanto, kun partopreno de pli ol 120 enskribiĝintoj. La sidejo de la evento estis vasta salono en tre agrabla, arboplena Asocio de Oficiroj de la Militista Polico de la Ŝtato, en la kvartalo Tremembé. Partoprenis homoj el pluraj urboj de San-Paŭlo kaj de aliaj brazilaj ŝtatoj. Unu samideanino el Rumanujo kaj diversaj reprezentantoj de la movado Oomoto aktivis dum la kongreso.

La malferman ceremonion partoprenis kolonelo Edson Arruda, estro de la trafikkontrola servo en la urbo San-Paŭlo, kiu bele salutis la kongresanojn kiel reprezentanto de la institucio kiu gastigis la kongreson. La prezidanto de EASP, Genildo M. Coelho, festparoladis pri la 80-jara jubileo de EASP kaj kortuŝse omaĝis ĝiajn pionirojn kaj mecenatojn.

La kerno de la laboro koncentriĝis en tuta kolekto da altnivelaj prelegoj pri plej diversaj temoj: pri la influo de pensoj kaj sentoj en nia sano (d-ro Floriano Pessoa Filho); pri impresoj pri la Universala E-Kongreso en Seulo (Aparecida Araújo); pri Kolombio (Alfredo Aragon); pri la vivo de Sophie Germain (Audino C. Branco); pri homaranismo (d-ro Elmir Lima); pri la Kastelo Gresillon (Eugênio kaj Mariana dos Santos); pri nova politiko de UEA por informado (Emílio Cid); pri konstruado en antikva Egiptujo (Francisco Wechsler); pri Rumanujo, mioritika lando (Manuela Burghelea).

Krom tiuj, okazis ankaŭ ok 15-minutaj prelegetoj pri plej variaj temoj, kiuj konkuris al premio. Plej multajn




*Gejunuloj gaje kaj inspire buntigas la kongreson*

voĉdonojn ricevis junulo Wilian Gomes, kiu eklernis Esperanton antaŭ ĉirkaŭ unu jaro kaj unuafoje partoprenis Esperanto-kongreson (li prelegetis dufoje: pri samtempa interpretado kaj pri Taroko). Gratulon!

Novaĵo promesdona estis la okazigo de aranĝo "Brokanta Foiro", sub iniciato de la junulo Leandro Abrahão, el Brasília. La poetino Nazaré Laroca lanĉis novan libron "Birda Grundo" en programero "Aŭtora Duonhoro".

Okazis ankaŭ metiaranĝo pri japana kalkulilo, tabloludoj, kaj interesa intervjuo kun du aktivaj junulinoj, Ana Oliveira kaj Manuela Burghelea, en la programero "Viva Gazeto". En tri vesperaj arthoroj esperantistoj kantis, anekdotis, kaj skeĉis. La juna aktoro Vinicius HPR kaj muzikisto João Arino prezentis teatraĵon "Malĝustaj Linioj" kaj la veterano Amarílio Carvalho prezentis sian historian monologon "Tiradentes". Dirce Sales kantis kvar sentoplenajn kantojn en Esperanto. La kantisto Tone prezentis viglajn deklamkantojn. Dum tri tagoj funkciis spaco por kunsido de Oomotanoj kaj simpatiantoj.

Belega ekskurso dum unu suna mateno okazis kun sufiĉe multenombra partopreno en la naturparko "Horto Florestal", kiu situas proksime al la kongresejo. Dum la tuta kongreso funkciis la libroservo de EASP, sub la ĉefa organizo de la asociano Carlos Rodrigues, kaj du pliaj budoj: unu kun esperantaĵoj kaj alia kun T-ĉemizoj.

La proksima kongreso de EASP okazos en la turisma urbo Atibaia, en oktobro 2018.

*Detalo de la ateliero pri Sorobano*






*Prelego pri Rumanio*

*Monologo Tiradentes*

# Kelkaj kongresaj programeroj



*Prelegeto pri Morfologio*



*Prelegeto pri Duolingo*



*Prelegeto pri Veganismo*




*Prelego pri Informado*



*Prelego pri Fiziologio*




*Prelegeto pri Esperantismo*




*Intervjua programero Viva Gazeto*

# La idealoj de E-o kaj la agoj de e-istoj

*Reago al la kongresa programero celanta anojn kaj amikojn de EASP, al kiuj estis proponita la diskuto-temo: **"Ni bezonos fari en 20 jaroj tion, kion ni ne sukcesis fari en 80 jaroj"**.*

**Cristina Graaf (Ilhabela-SP)**

La esperanta movado ekis antaŭ pli ol cent jaroj, per ideoj kaj idealoj de unu sola homo, kiu estis ĉirkaŭata de aliaj malmultaj homoj, kiuj aŭdis lin, komprenis kaj respektis liajn ideojn, por poste apogi, stimuli kaj helpi lin dum la unuaj paŝoj de la nova idealo.

Estas nekontesteble, ke ĉiuj laboris kaj klopodis, iuj laŭ sia propra volo, forto kaj ebleco.

Tiuj pioniroj multiĝis kaj disvastigis Esperanton tra la tuta planedo per nelacigebla kuraĝo de tiu, kiu kredas pri io pli granda ol si mem. Ili alfrontis nekomprenon, antaŭjuĝon, mankon de financaj rimedoj kaj ĉion plian, kiu akompanas la naskiĝon de revoluciaj ideoj. Antaŭ 80 jaroj kelkaj tiaj pioniroj fondis Esperanto-Asocion de San-Paŭlo.

Ni estas heredantoj de tiuj pioniroj kaj ni proponas disvastigi Esperanton kaj ĝiajn valorojn, kiujn ni povas resumi kiel Frateco, Respekto, Toleremo kaj Justeco.

Ni estas pasiaj amantoj de nia idealo kaj ni ofte malkonsentas pri multaj aferoj, per kiuj ni bezonas fari niajn agojn; ĉar ni diferencas unu de la alia, ni pensas malsame kaj ne ĉiam akordiĝas pri opinioj kaj agoj.

Malgraŭ tio ke ni diferencas unu de la alia, neniu el ni estas pli bona ol la alia. Fine, ni kredas je Frateco. Ni ĉiuj estas fratoj.

Por defendi la idealojn de Esperanto, ni unue devas praktiki ĝin inter ni, respektante la opiniojn unu de la alia, aŭdante kaj pensante pri ĝi sen antaŭjuĝo, tolerante la erarojn unu de la alia kaj konsciante ke, ĉar ni estas estuloj neperfektaj, ni havas malfortojn kaj virtojn. Ni rajtas formi niajn proprajn opiniojn, sed ne rajtas trudi ilin al aliaj. Ni rajtas elekti niajn vojojn kaj agojn, sed ni devas respekti la decidojn de la aliaj. Ni devas trakti niajn similulojn per justeco, valorigante ĉiujn laŭ ilia karaktero, kapablo kaj volo.

Ĉar ni diferencas unu de la alia, ni malsame rolas en la vasta Esperanto-movado, kaj eĉ la plej malgrandaj faroj por la movado devas esti respektataj kaj konsiderataj. Ni faru niajn plej bonajn agojn kaj memoru, ke ĉiu agas kiel eble plej bone, kaj ni ne rajtas juĝi.

Por la neesperantista mondo ni estas la vizaĝo de Esperanto. Kiel ni defendos la harmonion inter la popoloj per

*(Daŭrigota en la paĝo 20)*

# Oportuna kongresa programero

## Kunveno por anoj kaj amikoj de EASP

**José Roberto Tenorio (São Paulo-SP)**

***"Ni bezonos fari en 20 jaroj tion, kion ni ne sukcesis fari en 80 jaroj"***

Reage al tiu voko kelkaj anoj kaj simpatiantoj de EASP, partoprenantaj en la 11-a Esperanto-Kongreso de la Ŝtato San-Paŭlo, kunvenis en la lasta tago de la evento, dimanĉon matene.

Per tiu aranĝo oni celis iom pensigi la kunvenantojn pri la sekvaj paŝoj entreprenotaj de la Asocio cele al ĝia pluvivado en nia mondo rapide ŝanĝiĝanta, kaj sekve al festado de ĝia 100-jariĝo.

Okaze de la ĉi-jara kongreso, dediĉata al nia jubileanta Asocio, ni havis multon por danki al la pioniroj, sed envere ne multon por festi. De jardekoj neniu projekto pri instruado aŭ diskonigo de Esperanto (nur por citi du ekzemplojn) registriĝas en kunsidaj protokoloj de la Asocio.

Estraro sekvas estraron sen tempo kaj laborfortoj prezenti kaj antaŭenigi minimunan laborplanon. Ĉar estraranoj kunvenas nur unu foje monate dum ĉirkaŭ du horoj, restas tempo kaj laborfortoj por plenumi nur rutinajn taskojn, kiel funkciigi la libroservon, eldoni la organon La Lampiro, flegi la retejon de la Asocio kaj organizi ties monatajn kulturkunvenojn kaj jaran kongreson.

Sen laborplano, aŭ plibone dirite, sen pli da aktivaj asocianoj kaj bonfarta bankkonto, la Asocio eble ne sukcesos postvivi sian 100-jariĝon. Kiel pligrandigi ĝian anaron kaj bonfartigi ĝian konton mi ne scias. Tial la proponitaj kunveno kaj alvoko, kiu tamen por iuj asociajoj sonis provoka, malrespekta kaj maldanka.

Provoka eble jes, sed certe ne malrespekta kaj maldanka, se legita sen aludo al iu(j) ajn persono(j), kiel cetere subkomprenigis la aŭtoro:

***"La ASOCIO bezonos fari en 20 jaroj tion, kion ĝi (la ASOCIO) ne sukcesis fari en 80 jaroj".***

Laste kaj responde al la implikita demando: malgraŭ ĉiaj streboj, ĝis nun la Asocio ne sukcesis strategie diskonigi Esperanton.

Ankoraŭ estas unu ŝanco... sed malkiel niaj pioniroj, ni havos nur 20 jarojn por provi tion. Ĉu kuŝas ia peko kaj malrespekto en tio ke ni provu omaĝi la pionirojn per agado?

# Ĉu vi volas danci?

## Paulo Nascentes (Brasília - DF)




Instige de tiu kampanjo kaj monapogo de BEL al Poliglotar, evento de Brazila Ploliglota Klubo okazanta oktobre ĉijare en Fortalezo, unuafoje mi partoprenis plurlingvan babilrondon en picejo en Asa Norte, Braziljo. Sur longa tablo troviĝis la flagoj respektivaj de Italujo, Hispanujo, Brazilo, Usono kaj Francujo. Flago de Esperantujo ne estis. Esperanta amiko supozeble ironta tie ne aperis, do mi estis la sola E-parolanto. Supraĵa esploro sciigis min pri la ekzisto de sesioj de Klubo de Poliglotoj ankaŭ en Asa Sul, Guará kaj Águas Claras.

Ĉu pro la ĥaosa trafiko kaŭzita de la pluvo, ĉu pro la senefiko de propagando, nur deko da homoj grupiĝis antaŭ la flago de konata superpotenco, kies lingvo estas dezirobjekto de plejparto de almenaŭ tiuj ĉeestantoj. Krom la angla, neniu verŝajne interesiĝis pri la ceteraj lingvoj. Pro tio mi interagis dekomence iom silente kun la plej apudaj kunuloj, interesa kvaropo hazarde formita. Pro mia rustiĝa angla, delonge neuzata, prudente mi precipe aŭdis kaj surprize mi konstatis, ke la rustiĝo estis malpli granda ol tiu de mia supozo: preskaŭ ĉion mi komprenis kaj iom-post-iom jam mi aŭdacis paroli. Siavice ni ĉiuj parolis pri ni mem, pri labora sperto, preferataj aktivaĵoj, urbo-deveno. Ankaŭ pri tio mi respondis, sed nur mia stranga lingvo-elekto far-iĝis por ili kuriozaĵo. Tial mi proponis klarigi esper-ante pri Esperanto, ĝiaj celoj, lingvaj kaj kulturaj aspektoj, ĉar por tiuj tri homoj tiu estis la unua okazo aŭdi la lingvon. La publiko montriĝis relative sperta pri diversaj lingvoj kaj tiam aparte interesata pri Esperanto. Tial estis sufiĉe facile komprenigi ilin, eĉ en Esperanto, pri bazaj aspektoj de tiu lingvo unuafoje de ili aŭdata. Demand-aro venis abunda kaj la konversacio fokusiĝis pri tiu stranga komunika sperto, ĉar ili restis angle, sed neatendite sukcesis kompreni klare miajn vid-punktojn.

Tiun riĉan travivaĵon mi volas unufoje semajne ripeti. Evidentiĝis tio, ke simile al duopa, aŭ kvaropa danco, ĉikaze, plurlingva komunikado eblas se kaj kiam oni ja volas, ke ĝi okazu. Abdon, brazila entreprenisto pri importado kaj eksportado, kun firmao en Hongkongo, parolis pri leĝoj, impostoj, kuriozaj trajtoj de ĉinoj en internacia komerco; Matthew rolis pli kiel demandanto kaj moderiganto de la diversaj temoj; Bianca, studema kaj esploristo pri sindikatoj, rakontis pri tiu malfacila kaj

konfuza momento de nia socia kaj politika vivo precipe pro la ĵusaj ŝanĝoj en leĝoj kaj laboraj rilatoj. Miaflanke, multe mi lernis ne nur el tiom diversaj spertoj, sed precipe el la defio aŭdkompreni la anglan kaj paroli esperante pri mia instruado de Esperanto ĉe UnB Idiomas, pri lingvaj, sociaj kaj kulturaj aspektoj de Esperanto antaŭ homoj pretaj flue danci en tiu bonetosa dulingva balo.

Espereble tiu sukcesa kampanjo de BEL por monapogi la eventon *Poliglotar* ankaŭ sukcesu instigi la partoprenon de esperantistoj en tiaj plurlingvaj babilrondoj gvide de la Klubo de Poliglotoj de diversaj brazilaj urboj. Se mia kara esperanta kolego povintus ĉeesti la hodiaŭan bonetosan renkonton, certe multaj pliaj aspektoj, uzoj kaj vojaĝspertoj per Esperanto estus konataj de niaj kunparolantoj. Espereble similaj okazaĵoj multobliĝu ĉe ni en pluraj urboj. Espereble multaj anoj de Klubo de Poliglotoj interesiĝu partopreni niajn brazilajn E-kongresojn. Espereble fine pli kaj pli similaj organizoj fariĝu BEL-partneroj, same kiel anoj de Jogo, Ananda-Marga, Rotario, Skoltoj, Meditantoj k.s. De nun eblas ekvidi tion por la venonta Brazila Esperanta Kongreso de Kuritibo, kies emo verŝajne estas diverseco, plurlingveco, partnereco kun similcelaj organizoj, movadoj, instituciój. Trejniĝu pri nova paŝo. Prepariĝu por nova dialogo. Elektu zorge vian balvestaĵon.

Ĉu vi volas danci?



## La idealoj de E-o kaj la agoj de E-istoj *(Daŭrigo de la paĝo 17)*

universala lingvo se ni ne sukcesas interkompreni nin mem? Kiel ni defendos la egalecon, konsiderante nin plibonaj ol niaj samideanoj? Kiel ni defendos respekton al aliaj kulturoj ne tolerante tiujn, kiuj ne konsentas kun ni? Kiel ni defendos socian justecon, senmove kondamnante tiujn, kiuj estas ĉe ni?

Ni estu vere la pacaj batalantoj. Ni armu nin per frateco, respekto, toleremo kaj justeco, kaj alportu antaŭen la flagon kiu estas nia heredaĵo, tiamaniere ke niaj heredantoj sentos por ni la saman respekton kaj mirindecon, kiujn niaj pioniroj inspiris al ni.

Kion ni faru en la venontaj 20 jaroj, kio ne estis farita dum la lastaj 80 jaroj?

# Filozofio

## Memhelpaj filozofiaj skoloj en la antikveco

**José Mauro Progiante (Bauru-SP)**

**I – STOIKISMO**



*Zenono (333-264 a.K.)*

Ĉirkaŭ la 3-a jarcento a.K., post la klasika periodo de la filozofio en Grekio, kiam elstariĝis Sokrato, Platono kaj Aristotelo, ekaperis tri filozofiaj skoloj — stoikismo, epikurismo kaj skeptikismo —, kiuj daŭris pli ol kvin jarcentojn kaj karakterizis la nomatan Helenistikan epokon de la filozofio. En tiu nova monda ordo, estigita de la militaj konkeroj de Aleksandro, la Granda, okazis la dekadenco de la greka kulturo.

Sub la regado de Aleksandro kaj poste de Romo, la grekoj suferis multe pro la fremda okupado kaj perdo de sia politika graveco. Ili senkuraĝiĝis. Artoj, sciencoj kaj kolektivaj aktivecoj estis forlasitaj, socia kunvivado cedis al soleco, al zorgado pri si mem. En tiu kadro, stoikismo, epikurismo kaj skeptikismo helpis ilin elporti la bedaŭron pro la ruiniĝo de sia civilizacio.

Tiam la filozofio iĝis por tiu popolo rimedo por alfronti la doloron kaj la destinon kaj ankaŭ por ekzameni la vivon kaj serĉi la individuan feliĉon. La tri cititaj skoloj lasis en la historion siajn proprajn signifojn, ankoraŭ nuntempe rigardataj kiel tri malsamaj tamen konsiderindaj manieroj pensi kaj vivi por esti feliĉa aŭ almenaŭ ne suferi:

**Stoikismo** = kapablo elteni kuraĝe kaj saĝe la suferojn kaj ĉagrenojn de la vivo. Stoikulo estas forta, neŝancelebla kaj rezignacia.

**Epikurismo** = serĉado de plezuro kaj evitado de doloro. Ĉar plezuro estas malo de doloro, se oni trovas la kaŭzojn de suferoj, sekve oni povas eviti ilin kaj vivi plezure.

**Skeptikismo** = Dubo, nefido, nekredado. La absoluta vero ne ekzistas, aŭ, se ĝi ekzistas, ne eblas koni ĝin. Eblas trovi sufiĉe da paco kaj feliĉo en tio, kion oni kaptas per niaj sensoj.

STOIKISMO estas fondita de Zenono el Kitiono (ĉ. 333 – 264 a.K). Estinte riĉulo, li perdis ĉion kaj decidis vivi modeste, pensante pri la sortobatoj kaj aliaj malfeliĉaĵoj de la destino. Neniu el liaj skribaĵoj postrestis. Du aliaj famaj stoikistoj estis la roma imperiestro Marko-Aŭrelio (121 – 180) kaj la sklavo Epikteto (50 – ĉ.125).

Laŭ la filozofoj de stoikisma skolo, ekzistas senfina kaj ĉiopova dio, kiu regas la naturon kaj la homajn vivojn. Ĉio havas kaŭzon, nenio okazas hazarde. La homoj ne povas regi la

kaŭzojn kaj do ne povas eskapi el sia destino.

La destino de ĉiu homo estas plenumi difinitan rolon en la mondo. Ĉiuj ni povas, per nia racio, koni tiun rolon, eltrovi niajn naturajn inklinojn kaj sekve vivi konforme al nia propra naturo.

Epikteto skribis: *"Memoru, ke vi estas aktoro de teatra spektaklo, longa aŭ mallonga, en kiu ties aŭtoro volis vian partoprenon. Se via rolo estas de almozulo, princo aŭ vendisto, estas necese, ke vi ludu kiel eble plej bone tiun rolon, sursceniĝante aŭ elsceniĝante kiam la aŭtoro decidos tion. Via tasko estas ludi bone vian rolon."*

Vivi saĝe estas bone koni siajn talentojn kaj emojn kaj plenumi sian destinon. La saĝa homo estas forta, ĉar li ne bedaŭras siajn suferojn kaj malfacilaĵojn kaj ne fieras pro siaj sukcesoj. Li estas libera se li regas siajn pasiojn kaj lin perturbas nek doloroj, nek gloroj. Li ne deziras pli ol li povas havi, kaj kulpas neniun pri la malbonaj okazaĵoj de sia vivo.

Esti libera estas ne deziri pli ol ni povas havi, kaj ne esperi de la aliaj pli ol ili povas doni al ni. Esti libera estas rigardi same gajnon kaj malgajnon. Eblas esti libera en prizono, tamen eblas esti sklavo en ŝajna libereco, se oni timas aŭ plendas pro ĉagrenoj.

Por esti feliĉa kaj libera la homo devas gvidi siajn dezirojn kaj ne atendi de la vivo pli ol ĝi povas doni al li. La ĝojoj estas mallongdaŭraj kaj la doloroj estas bezonataj. La malbono neniam malaperos, ĉar ĝi estas necesa por reliefigi la bonon.

Estas necese distingi la aferojn dependantajn de ni de tiuj, kiuj ne dependas de ni. Ĉi tiujn la destino trudas en nian vivon. Tiusence Epikteto skribis: *"Ne petu, ke la aferoj okazu laŭ viaj deziroj, sed deziru, ke ili okazu kiel ili devas okazi. Ni estas liberaj kiam ni liberiĝas de ĉio, kio ne dependas de ni."*

La stoikuloj sin taksis fortaj pro tio, ke ili ne timis la morton (ili kredis pri transtomba vivo) kaj ne sin kroĉis al la vivo. Verŝajne la unuaj kristanoj inspiriĝis el ili por elteni rezignacie la suferojn kaj ankaŭ por fidi la providencon.

Pri la tempo, estas kurioza malkonsento inter la stoikistoj. Laŭ unuj, la estanteco ne ekzistas, dum laŭ aliaj la tempo estas eterna estanteco, ĉar la pasinteco ne plu ekzistas kaj la estonteco ankoraŭ ne ekzistas.

Ankoraŭ rilate al la tempo, estas esenca en stoikismo la koncepto pri efemereco de la surtera vivo. La imperiestro Marko-Aŭrelio skribis: *"Vi estas tre malgranda ero en la universo, en kies senfina daŭro vi ricevis ĉi tiun rapidan momenton por vivi."*



*Diogeno - Jean-Léon Gérôme (1824-1904)*

# Kial simpligi, se oni povas kompliki?

**Herbert Welker (Brasília - DF)**

Sendube frazoj similaj al la sarkasma demando en la titolo ekzistas en aliaj lingvoj. Exemple en la germana oni diras *"Warum leicht, wenn es auch kompliziert geht?"*, en la franca *"Pourquoi faire simple quand on peut faire compliqué?"*, en la angla *"Why simplify things when you can complicate them?"*

Kion tiu esprimo signifas? Ĝi rilatas al la sinteno de kelkaj – eble multaj – homoj kompliki aferojn kiuj povus esti solvataj relative facile.

Memorinte tiun sarkasman demandon, mi pensis pri Esperanto.

Ĉu Esperanto ne devas (aŭ volas) esti la plej facile lernebla lingvo?

En mia artikolo de la 31-a de majo de 2015 en la Esperanta Retradio mi diris:

*En la lingvoj kiujn mi scipovas – kaj sendube en multaj aliaj – oni bezonas parkerigi kune kun ĉiu verbo la fakton, ĉu ĝi estas transitiva (do havante rektan objekton, en Esperanto kun N-finaĵo) aŭ netransitiva, kaj en tiu lasta kazo oni bezonas ekscii kaj parkerigi la postulitan prepozicion. [...] Ekzemple: ĉu oni diru "danki pro", "danki por", "danki pri", "partopreni en io" aŭ "partopreni ion"? Oni devas parkerigi la ĝustan prepozicion. Bedaŭrinde la Akademio de Esperanto ne decidas, kiu estas la korekta, tiel ke en kelkaj kazoj la esperantistoj uzas malsamajn prepoziciojn [...]. Iuj konsideras tion bona (pruvo de lingva libereco), sed mi opinias, ke tio* <u>*konfuzas*</u> *la gelernantojn.*

Kiam mi pritraktis tiun problemon denove en mia artikolo pri transitiveco (la 27-a de julio 2016), anonimulo faris la jenan komenton:

***Ni ne forgesu, ke Esperanto estas fleksebla lingvo, ni ne parkerigu robote dogmajn regulojn.***

En lingvistiko oni ne kutimas uzi la vorton "dogmo", sed oni diferencigas "gramatike korekta" kaj "gramatike nekorekta", kaj la gramatika korekteco rilatas al la tiel nomata "tradicia gramatiko".

Ĝenerale la sociolingvistoj opinias, ke oni devas akcepti la manieron, kiel la homoj parolas (kaj skribas), sed se vi volas sukcesi en via vivo (ekzemple en la brazilaj konkursoj), plejofte vi devas obei la tradician gramatikon. Kaj en la tradicia gramatiko ekzistas ĝenerale – pli-malpli rigidaj – reguloj.

Bone, rilate al Esperanto oni faras multan reklamon pri la fakto, ke ĝi estas tre regula, kaj evidente tiuj reguloj devas esti obeataj, aplikataj. Ekzistas eĉ 16 reguloj ene de la Fundamento de Esperanto, kiuj – kiel la tuta Fundamento – neniam devas esti ŝanĝataj, laŭ deziro de Zamenhof[*].

Pri tio mi faras du komentojn:

Unue: eĉ en tiuj reguloj estas unu, kiu permesas flekseblecon. Vidu la 14-an:

*14. Ĉiu prepozicio havas en Esperanto difinitan kaj konstantan signifon, kiu fiksas ĝian uzon; sed se ni devas uzi ian prepozicion kaj la rekta senco ne montras al ni, kiun prepozicion ni devas preni, tiam ni uzas la prepozicion je, kiu ne havas memstaran signifon; ekz. ĝoj|i je tio, rid|i je tio, enu|o je la patr|uj|o, mal|san|a je la okul|o|j.*

*La klareco neniel suferas pro tio, ĉar en ĉiuj lingvoj oni uzas en tiaj okazoj iun ajn prepozicion, se nur la uzado donis al ĝi sankcion; en la internacia lingvo ĉiam estas uzata en similaj okazoj nur la prepozicio je.*

*Anstataŭ la prepozicio je oni povas ankaŭ uzi la akuzativon sen prepozicio, se oni timas nenian dusencaĵon.*

Do, laŭ tiu regulo ekzistas pri prepozicioj triobla fleksebleco: oni povas uzi iun determinitan prepozicion aŭ – anstataŭ ĝi – la prepozicion "je" aŭ – anstataŭ ambaŭ – la akuzativon.

Due: krom tiu ebleco uzi tri diversajn formojn la esperantistoj fakte uzas en multaj aliaj kazoj malsamajn vortojn (ekzemple "danki pro", "danki por").

Asertante ke *"en ĉiuj lingvoj oni uzas en tiaj okazoj iun ajn prepozicion, se nur la uzado donis al ĝi sankcion*", Zamenhof verŝajne volis diri, ke iompostiome la plejmulto de la lingvouzantoj (aŭ la tiel nomataj "bonaj aŭtoroj") uzas specifan prepozicion en specifa kazo, kaj pro tio la gramatikistoj elektas ĝin kiel "korektan" kaj lernendan.

Mi prenis la prepoziciojn nur kiel ekzemplon, sed tia fakto validas ankaŭ por aliaj gramatikaj fenomenoj. T.e. – ripetante – se vi volas esti sukcesa en via vivo, vi devas lerni kaj uzi tion, kion la tradicia gramatiko postulas, kaj ĝenerale nur UNU formo estas konsiderata kiel korekta. (Tamen estas sciate, ke multaj homoj ne certas pri tiuj korektaj formoj, tiel ke hodiaŭ multegas en la interreto demandoj kaj respondoj pri tio; ekzemple en Brazilo oni demandas: *"responder uma pergunta ou responder a uma pergunta?"*).

Esperanto volas esti facile lernebla, kaj mi pensas, ke lingvo estas facile lernebla ne nur kiam ĝi estas regula, sed ankaŭ kiam ne ekzistas gramatika diverseco. Oni povus argumenti, ke reguleco nepre implicas nediversecon, sed eblas, ke regulo – ekzemple la supre menciita 14-a – permesas diversecon. Miaopinie Esperanto estus ankoraŭ pli facile lernebla, se ne ekzistus gramatikaj variaĵoj. Sed, kiel ni vidis, aliaj esperantistoj preferas flekseblan lingvon, kaj iuj opinias, ke "riĉa", normala, lingvo enhavas variaĵojn.

Tamen Esperanto ne estas normala lingvo. Evidente ĝi permesu, ke oni esprimas ĉiujn ideojn, tamen por tio ĝi bezonas vortojn, sed ne gramatikajn variaĵojn.

La ekzisto de gramatikaj variaĵoj konfuzas la lernantojn. Sendube se ili lernas en bona E-kurso, la instruisto povas ekspliki, ke oni povas diri "partopreni en io" aŭ "partopreni ion" ktp. Sed kiam la komencantoj legas sole tekstojn kaj vidas plurfoje nur unu

*(Daŭrigota en la paĝo 26)*

# Eŭreka!
## Iom da scienco

**Guilherme Jardim (Charqueada - SP)**

**LA ORIGINO DE LA SUPERAJ ORGANISMOJ**

Kiel niaj prapatroj evoluis el bakterioj? Kooperativado!




Kiam la plejmulto pensas pri vivaj estuloj, ili imagas estaĵojn sufiĉe grandajn por vidi nudaokule: personojn, arbojn, k.t.p. Sed tiuj estas esceptoj, pro du kialoj. Unue, ili estas grandaj – dum la grandega plejmulto el la vivantaj estuloj estas mikroskope etaj. Poste, ili apartenas al la plej kompleksa el la du precipaj tipoj de vivaj estuloj – la "eŭkariotoj". La alia tipo, la "prokariotoj", estas ĉiuj mikroskopaj kaj kun arkitekturo multe pli simpla. La prokariotoj plej konataj estas la bakterioj, kaj ili estas sendube la plej nombraj el la vivantaj estuloj. Neniu biologo dubas, ke la eŭkariotoj devenas de prapatroj prokariotoj. Tamen, la salto en komplekseco inter la du tipoj estas grandega, kaj tio kondukas al la demando: kiamaniere la evoluado faris tiun gigantan paŝon?

Estas du grandaj diferencoj inter la prokariotaj ĉeloj kaj la eŭkariotaj. Unue, en la aranĝo de la genoj. La prokariotoj (kiu konsistas el unu sola ĉelo) enhavas nur unu grupon de genoj, en sia plejmulto sur unu granda laĉo de DNA. Dum la eŭkariotaj ĉeloj enhavas du kopiojn de ĉiu geno storigitaj en strukturo nomata kromosomo. La dua diferenco estas, ke la eŭkariotaj ĉeloj (kiuj ĝenerale estas multe pli grandaj ol la prokariotaj) enhavas plurajn kompleksajn mekanismojn, kiujn la prokariotoj ne enhavas. Ili havas specialajn mikroorganojn en la formo de kolbaso nomataj mitokondrioj, kiuj faras la taskon eltiri energion el la manĝaĵoj kaj oksigeno. La plantoj (ĉiuj eŭkariotoj) ankaŭ enhavas verdajn mikroorganojn, ovoformajn, nomatajn kloroplastoj, kiuj ensorbas la sunradiojn kaj utiligas tiun energion por produkti sukeron el la akvo kaj karbondioksido. Strange, la mitokondrioj kaj la kloroplastoj kunportas siajn proprajn genojn ene de si, dividiĝas kaj reproduktiĝas ekzakte kiel sendependaj organismoj.

Estis Lynn Sagan (hodiaŭ, Lynn Margulis), de Boston University, kiu unue rekonis la konsekvencojn de tiu fakto. La mitokondrioj kaj la kloroplastoj similas al bakterioj, ŝi diris, ĉar estas ekzakte tio, kio ili estas. Iliaj prapatroj kutimis vivi ene de aliaj bakterioj pli grandaj, antaŭ ĉirkaŭ du miliardoj da jaroj, en epoko kiam la atmosfero de la tero komencis enhavi grandajn kvantojn

da oksigeno. Dum la geologiaj ŝanĝoj kiuj sekvis, per la geologiaj transformoj de la tersurfaco, kelkaj organismoj malkovris la avantaĝon konkuran de la simbiozo, kun malgrandaj bakterioj kaŝiĝis ene de pli grandaj organismoj por realigi siajn kemiajn reakciojn vitalajn. Sagan ankaŭ rimarkis, ke la plej malgrandaj eŭkariotoj naĝas per "skurĝetoj" – haretoj, kiujn ili svingas antaŭen kaj malantaŭen. Tre simile al kelkaj bakterioj; kaj ili povas, ankaŭ, esti aperintaj kiel izolitaj organismoj. Sagan konjektis, ke la genoj de la skurĝetoj konsistigas nun parton de la eŭkariotaj kromosomoj, kiuj evoluis samtempe. Nuntempe, la Sagan-a interpretado estas universale akceptita kiel baze korekta. Tamen, ĝi longe ne ĝisvastiĝis kaj dum pluraj jaroj estis konsiderata stranga. La biologoj ĝenerale pensas pri evoluo kiel ege apogita sur la konkurado inter la organismoj kaj opinias malfacile kredi ke tiom grava disvolviĝo rezultis el malsamaj organismoj grupiĝintaj por vivi kooperative.

*La. Sagan, Journal of Theoretical Biology, 14, 225-274 (1967)*



## Kial simpligi, se oni povas kompliki? ***(Daŭrigo de la paĝo 24)***

variaĵon kaj poste la alian, ili ne scias, ĉu tio estas eraro aŭ ne, nek ĉu unu variaĵo estas opiniata pli bona ol la alia.

La demando estas: **kial** variigi gramatikajn faktojn? Ĉu por ke Esperanto estu normala kaj riĉa lingvo? En la lingvoj kiujn mi scipovas, plej multe ne estas gramatikaj variaĵoj. Ekzemple oni uzas la verbon kiu tradukas "partopreni" nur kun UNU specifa prepozicio: *"to take part **in**"* aŭ *"participate **in**"* en la angla, *"teilnehmen **an**"* en la germana; la samo validas por la traduko de "danki": *"to thank **for**"* en la angla, *"danken **für**"* en la germana.

Sendube oni **ne** povas diri, ke tiuj lingvoj estas malriĉaj.

Ĉu vi volas fleksebla, formriĉa lingvo?

La 14-a regulo jam permesas diri "partopreni **en** kongreso, partopreni **je** kongreso, partopreni kongreson". Kial ne ankaŭ diri "partopreni **al** kongreso, partopreni **pri** kongreso"?

Mi preferus: unue ke eĉ ne ekzistus la 14-a Zamenhofa regulo, kaj due ke la gramatikistoj de Esperanto decidu (kaj PIV informu) nur unu gramatikan formon en ĉiu kazo (ne nur rilate al la elekto de prepozicioj, sed ankaŭ koncerne al la pli ĝenerala demando, ĉu iu verbo estas transitiva aŭ netransitiva). Se la gramatikistoj en la Akademio de Esperanto ne volas preni tian decidon, ili povus fari – nuntempe facilan – retan enketon por ekscii, kiun variaĵon la plejmulto de la esperantistoj preferas.

(*)https://eo.wikipedia.org/wiki/Fundamento_de_Esperanto

Vi ne bezonas dediĉi vian tutan vivon al Esperanto. Vi bezonas nur permesi ke Esperanto iel partoprenu en via vivo.



Malfermu pordon al Esperanto!